


Saluton karaj amikoj!

Ni ankoraŭ atendas viajn novaĵojn, ni volas aperigi viajn aferojn ĉi tie en nia revueto, sendu viajn artikolojn, bildojn kaj historiojn al ni, ni atendas tion. ;-)

En ĉi tiu numero ni havas la grandan plezuron intervjui la plej faman jutubiston de Esperantujo, jes li, Evildea, certe vi multe ŝatos liajn vortojn. Ankaŭ ĉifoje ni parolos pri tre agraba afero, la dolĉa suko de hordeo, la bongustaj hejmbieroj , kaj kiel ili helpas en nia numtempa varbado. Vi ankaŭ vidos en ĉieldono pri la Projekto Barok', la novaĵoj kaj la nuntempaj agoj de ĉi tiu bando , kiu kantas kaj verkas en Esperanto.

**Enhavo**










FANZERANTO

Jaro 7 - Numero 09

Direktoro: Fábio Silva

Diagramado: Projektnesto Monda Lingvo

Bildoj: OpenClipart kaj OpenVector

Revizio: Antônio Carlos de Moreira Mederos

Ankaŭ helpis nin en ĉi tiu eldono: Richard Delamore, Everton Linhares kaj Rafael Milhomem.

Fanzeranto estas sendependa organo; la opinioj de niaj kunlaborantoj ne ĉiam spegulas la niajn.

**Kelkaj tekstoj ne estas ĝustigitaj, ĉar la aŭtoroj ne volas aŭ ne permesas nin fari tion, ni respektas tion.**



esperanton@gmail.com

# Hejmaritaj Bieroj








Gravega nova flanko de la varbado.

**Pietro von Herts**

Nuntempe oni multe auskultas pri hejmfaritaj bieroj, sed kio estas tio?

Jam delonge la homoj drinkas bieron, laŭ la tradicia historio (dubinda) ĝi naskiĝis antaŭ pli ol 3000 jaroj en Sumero, ankaŭ estas konata que en malnova Mezopotamujo estis konataj 19 specoj de bieroj. La anktivaj egiptoj fabrikis specon da biero fermentigante duonbakitan panon en akvo antaŭ pli ol 2000 jaroj. Do la biero estas inter ni ekde la unuaj vortoj skribitaj.



*Biera tendumando, duonesperantlingvaj afiŝoj.*




Hejmfaritaj bieroj estas tiuj, kiuj estas produktitaj hejme aŭ en malgrandaj industrioj, ne gravas se ĉi tiuj bierfarejoj uzas aŭ ne modernajn procesojn, ili celas en siaj produktoj la gusto kaj altkvalito. Ĉi tiuj bierfarejoj uzas la tradiciajn ingrediencojn kaj ankaŭ novigas serĉantaj novajn gustojn, la plej multo el ĉi tiuj bierfarejoj elektas uzi nur naturajn ingrediecojn.

En Esperantujo ni jam povas gustumi ĉi tiujn bierojn, "Arta Biero kaj Bona Biero" estas originalaj Esperantaj devizoj uzataj por disvastigi Esperanton kaj ankaŭ ĉi tiuj bierfarejoj en la Esperanto-medio, unu el la plej famaj, nuntempe, estas la Bieroj Speranto (Cervezas Speranto) el la urbo Toledo en Hispanujo, ĝi havas tri bierojn kies la nomo omaĝas la internacian lingvon, ili estas: Zamenhof (Ale Rubio), kiu estas nia unua biero kaj honoras Dr. Zamenhof, Blanka Tigro (Weissbier), germana tritiko biero stilo kaj Birdo (Sesio IPA), angla stilo biero pli aroma kaj amara.

Esperantaj hejmaj bieroj disvastigas Esperanton en la biermedio, kaj ĉi tiu afero gravegas por la varbado de Esperanto, la slogano de ĉi tiu entrepreno estas "Biero Kulturo", ĉiuj etikedoj de la produktoj estas dulingvaj (kastilie/Esperante) kaj ili kunlaboras kun la Esperanto-Asocio de Madrido kaj ankaŭ en Katalunio.



*Biero Plezuro.*

En Vitória, brazila subŝtato Espírito Santo en Brazilo ekzistas la "Fratraro Plezuro" (Confraria Plezuro), ĝi estas la nura brazila Esperanta bierfarejo, kiu disvastigas Esperanton per siaj produktoj. Nuntempe la Fratraro Plezuro lanĉis novajn bierojn nomatajn D-roj Plezuro, ili estas Bruna, Ruĝa kaj Klara.

Ankaŭ en Esperantujo ni havas alian grupon, kiu ankaŭ zorgas pri ĉi tiu interessa afero, ili estas Verdaj Skoltoj, kaj nuntempe ili faras tri malsimilajn bierojn, blonda, bruna kaj miela, tiel ĉi tiuj bierfarejoj ankaŭ kreas bierkulturon en nia medio, ni devas informi, ke ĉeVerdaj Skoltoj, la skoltoj kaj la skoltestroj ne rajtas trinki alkoholaĵojn (nek biero kompreneble).

Ĉe Facebook vi povas akompani bierajn aferojn en Esperanto en la grupo Bieroj ĉe la paĝaro: facebook.com/bieroj, vi ankaŭ trovos pliajn informojn pri ĉi tiu temo ĉe: www.bieroj.wordpress.com

**Bieroj Speranto:** www.cervezasperanto.es
**Frataro Plezuro:** www.plezuro.org.br
**Verdaj Skoltoj:** verdajskoltoj.wordpress.com



## Kategorigo de biero

### Biero oni povas kategorigi laŭ diversaj manieroj:

- laŭ la fermentado (sinkfermenta, levfermenta kaj spontane fermenta);
- laŭ la grenspeco (ofte hordeo aŭ hordeo kun tritiko, sed ankaŭ spelto, sekalo, maizo aŭ rizo);
- laŭ la regiono de la origino (Kölsch, Alt, Lambiek, Pils);
- laŭ la bierfaristo (ekzemple trappisto);
- laŭ la koloro (blanka, blonda, sukcenkolora, bruna, nigra);
- laŭ la grado de la amareco;
- laŭ la alkoholenhavo;
- laŭ la gusto (kombinacio de acidecoa, dolĉeco kaj amareco);
- laŭ specialaĵoj (ekzemple fumo ĉe ''Bamberger Rauchbier'' aŭ la uzo de laktobaciloj);

Fonto: www.wikiwand.com/eo/Listo_de_bierspecoj

**Fanzeranto: Danke a viaj videoj, Duolingo kaj aliaj iniciatoj, la junuloj reaperis en la movado, kiel ricevi ĉi tiuj junuloj? Kiel krei mojosajn aferojn kiuj allogos ĉi tiun publikon?**

**Evildea:** Delonge Esperantujo fajfas pri la filmindustrio kaj ties potenco allogi novajn homojn. Esperantujo jam havas fortan literaturan historion, novan muzikan industrion, sed preskaŭ mortintan videolud-film-industrion. Ni devas rigardi eksteren kaj demandi, "Kion la modernaj junuloj ŝatas fari?". Ili ŝatas (1) ludi videoludojn kaj (2) spekti filmojn; du kampoj, kiuj preskaŭ mankas en Esperantujo. Ni devas urĝe prilabori tion! Ni devas instigi niajn filmistojn, muzikistojn kaj videoludkreistojn eklabori!






**Fanzeranto: Ĉu vi povus paroli iomete pri la estonto de via kanalo? Ĉu vi havas aliajn projektojn? Lasu mesaĝojn al niaj legantoj.**

**Evildea:** Mi jam diskutis iomete la celojn de mia kanalo. Tamen, mi havas kelkajn vojojn elekeblajn antaŭ mi. Ekzemple, mi volas kunlabori kun aliaj poliglotaj jutubistoj, krei mallongajn filmojn, filmi internaciajn eventojn ktp. Tamen, ĉiam, kiam mi faras planojn por la estonteco, la reala mondo pugnobatas mian vizaĝon! Do ĉio dirita estas sen garantio.

Ni el Fanzeranto elkore dankas al Evildea por ĉi tiu dieca intervjuo, la kanalo estas ege amuza kaj parolas pri ĉio en Esperanto, se vi ankoraŭ ne konas ĝin, jen la adreso: www.youtube.com/user/Evildela








# BaRok' Projekto

Rafael Milhomem

La Brazila bando BaRok' Projekto estis fondita de la gitaristoj Rafael Milhomem kaj Rafael Muniz en 2007. Ilia muziko estas tre melodia potenca metalroko kun karakterizaĵoj de la baroka, klasika kaj folklora muzikoj. En la komenco, la bando estis nur virtuala. Unu aŭ du muzikistoj ludantaj diversajn muzikilojn en via hejmstudio. Ne ekzistis fakte ia bando. La ĉefa celo estis krei muzikojn kaj inviti kantistojn por registri kaj tiel lanĉi la kanzonojn senpage ĉe la interreto. Laŭ ni, estis bona varbado por Esperanto kaj bona reklamo por la bando.

En 2007 la grupo eldonis sendependan virtualan konceptan albumeton Bataltemp'. Enhavanta 4 titolojn. La rakonto de la albumeto estas epopeo pri milito. Ni kalkulis kun la kantistoj: Geovani Maia (Bataltemp´); Paulo Melo (Nobla Dezir´) kaj Leo Yanes (Heredo de la Post-Milit´).

Poste longa paŭzo, komence de la jaro 2013 la grupo anoncis rekomencon de sia agado kaj ŝanĝis ĝian celon. Ni starigis realan bandon celante koncertojn kaj novan albumon. Tiel naskis en 2013 la unuopaĵon La Plej Bona Ĉasisto. La temo de ĉi tiu kanto estas la dilemo de indiĝena ĉasisto, kiu bezonas ĉasi sian nutraĵon kaj samtempe vidas la beston kiel fraton, loĝanto de la sama arbaro. Por tiu ĉi unuopaĵo la bando estis: Leo Yanes (Kantisto); Junior Nieri (Drumo); Murilo Ramos (Basgitaro); Muniz (Gitaro) kaj Rafael Milhomem (Gitaro).

En 2015 la bando subskribis kontrakton kun la fama eldonejo Vinilkosmo. Tiel la bando decidis lanĉi oficialan EP Jen Nia Viv´ River´ (2015). Ĝi enhavas la malnovajn muzikojn kaj ankaŭ la novan muzikon, kiu nomigas la EP kun la invitita kantistino Karliene Araújo. Jen Nia Viv´ River´ estas ario eltirita de metal-opero, kiu BaRok´ skribas. La juna belulino Arasi´ kantas pri la beleco, fruktodoneco kaj malavareco de la Viv´ River´ antaŭ ĝi turni ruĝan riveron pro la sango de senkulpaj indiĝenoj.

Por 2016 la bando lanĉos la unuan oficialan albumon Sovaĝa Animo, kiu temos pri brazila indiĝena mitologio. En la KD enhavos 11 muzikojn kaj kalkulas ĝis nun kun la muzikistoj: Karliene Selket (Voĉo); Junior Nieri (drumo); Thiago Alberto (Basgitaro); Muniz (Gitaro) kaj Rafael Milhomem (Gitaro), kaj ankaŭ la invititajn partoprenantojn: Marlon Baco (Kantisto de la bando Volupia Di Baco); Rikardo Cash (rakontado); Miguel Brasil (klavaristo); Wesley Souza (koralo) kaj Marco Aquilino (krom la gitara soloo li ankaŭ estos unu el la muzikproduktantoj). La kovrilo estos farita de la elstara dezajnisto Carlos Fides (ArtSide).

Pliajn informojn vi trovos ĉe: www.facebook.com/barokprojektooficiala


VI






aŭskultu!
Muzaiko
tuttempa
esperanta
retradio


ESPERANTO
E
1887 - 2016


FAZ TUDO
facebook.com/chiofarulo
esperanton@gmail.com


esperanta
ambasadejo